# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**24a jaro** **Marto/Aprilo 1972** **N-ro 2**

*De Lugano, la urbo de la 24-a Kongreso de IFEF. Gis revido tie!*




# 24-a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio

de la 6-a ĝis la 12-a de majo 1972
LUGANO (Svisio)

Konstanta adreso: 24-a Esperanto-Kongreso IFEF
Kurt Greutert, Sekretario
CH-6512-Giubiasco (Svisio)

*Poŝtĉekkonto:* Banca Populare Svizzera Lugano, Konto-n-ro 69-5626 (dorse de la enpagilo: CC 305 460, 24-a Esperanto-Kongreso IFEF)

*Bankkonto:* Banca Popolare Svizzera, CH-69-Lugano Svisio (Konto: CC 305 460, 24-a Esperanto-Kongreso IFEF).

*Statistiko*

Aliĝis ĝis 1.3.1972 el Aŭstrio 27, Belgio 12, Britio 5, Bulgario 62, Ĉehoslovakio 17, Danio 8, Finnlando 1, Francio 48, Germanio 95, Hispanio 15, Hungario 33, Italio 35, Jugoslavio 35, Nederlando 32, Norvegio 1, Polio 10, Svedio 12, Svisio 40, entute 488 el 18 landoj.

*

*Speciala poŝtoficejo*

La poŝto malfermos apartan poŝtoficejon en la kongresejo kaj uzos apartan aldonan ŝtampilon. Speciala koverto kun jubilea poŝtmarko fervojtema kaj speciala ŝtampo estas eldonota de LKK, prezo po ekz. Fr. 1.20 (2 internaciaj respondkuponoj). Antaŭmendojn direktu al la LKK-sekretario.

*

*Ekskurso al Luzern*

La ekskurso al Luzern, vendrede la 12-an de majo, entenas por la modesta prezo de Fr. 20.— la ŝipveturadon Flüelen—Luzern, la tagmanĝon sur la ŝipo kaj la enirprezon al Trafikdomo kaj Planetario. La bileto Lugano—Flüelen *ne* estas entenita. Same *ne* estas entenita la bileto por eventuala reveturo post la ekskurso al Lugano. Bonvolu tion konsideri ĉe via

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**
**Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M) 70, Schweizer Str. 104, Germanio**
**Redaktoro: Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegio**
**Bankkonto: Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn, Svisio**

mendo de la ekskurso kaj ĝuste aranĝi vian bileton.

★

*Program-ŝanĝo*

Definitive ni ŝanĝis la programon por merkredo vespere. Anstataŭ Junulara Vespero ni prezentos al vi Teatran Vesperon. Ni invitis profesiajn geaktorojn de la Bulgara Esperanto Teatro. Ili prezentos al vi «La Urso», unuaktan komedion de A.P. Ĉeĥov; «Kara Mensoganto», unuaktan teatraĵon verkitan, laŭ leteroj de G. B. Shaw, de Gerom Kilti; «Divorco», komedion de N. Slonova.

Pere de tiu programero ni esperas konsiderinde plialtigi la kulturan nivelon de nia manifestacio.

★

*Apartaj informoj al aliĝintoj*

Aliĝantaj personoj kiuj pagis la kotizon de ne-IFEF-ano ricevis apartan cirkuleron enhavante informojn rilate biletmendo, por eluzi favoran eblecon de «feria abono» de SBB-CFF.

Aliĝintaj personoj kiuj mendis tranokteblecon en Junulgastejo aŭ plej malmultekostan kategorion de plena pensiono ricevis apartan cirkuleron «informilo-mendilo» por precizigi siajn mendojn. Personoj, kiuj apartenas al tiuj du kategorioj kaj ne ricevis tiujn informojn specialajn, bonvolu skribi al la LKK-sekretario.

★

*Gazetara Servo*

LKK intencas organzi gazetaran servon kun du taskoj, unuflanke ĉiutaga raportado al la lokaj ĵurnaloj kaj tutsvisa gazetaro, aliflanke prepari raporton en Esperanto por gekongresanoj kiuj kutime hejme verkas reportojn por la plej diversaj celoj. Ni petas la landajn asociojn aŭ la koncernajn gefunkciulojn anonci sin ĝis plej malfrue komence de la kongreso kaj indiki kiom da ekzempleroj de tiu raporto ili bezonos.

★

*Fervojaj biletoj*

Atentu, personoj kiuj alvenos de *nordo* (tra Luzern aŭ Zürich—Gothardo) al Lugano kaj kiuj devos pagi la fervojan bileton tute aŭ parte (nefervojistoj, pensiuloj, gefamilianoj) ne aĉetu bileton ĝis Chiasso. Sufiĉos ĝis Lugano. Por la partopreno de eventualaj ekskursoj (Chiasso, Bellinzona aŭ Monte Generoso) biletaj elspezoj estas jam enkalkulitaj.

Personoj, kiuj alveturos de *nordo* kaj partoprenos la ekskurson al Luzern, nepre atentu ke tiu ekskurso finiĝos je la 17-a horo proksimume en Luzern. Eventuala reveturo al Lugano por daŭrigi la restadon okazos je propraj elspezoj.

Personoj, kiuj alveturis de *sudo* (tra Chiasso) al Lugano, devos zorgi por bileto ĝis Luzern kaj reen nur se ili deziros partopreni la ekskurson al Luzern. La ekskursa prezo *ne* entenos la elspezojn por fervoja bileto.

En Svisio ekzistas tiel nomata «feria abono» kiu rajtigas al specialaj rabatoj. Tiu biletotipo estas favora por homoj kiuj vojaĝos iom longajn distancojn aŭ survoje intencas fari apartajn ekskursojn. Ĵus nun la fervojo lanĉas novan biletotipon, por junaj homoj inter 16 kaj 21 jarojn, kaj ofertas apartajn favorojn.

Informojn pri tiaj biletoj petu ĉe vojaĝagentejoj. Se tie vi ne povos ricevi klarigojn, tiam turnu vin al la kongresa sekretario.

★

*Bonvenon en Lugano*

LKK ĝojas pri via decido partopreni la 24-an Esperanto-Kongreson IFEF en Lugano. Ni deziras al vi agrablan alvojaĝon kaj feliĉan restadon.

LKK

*Peto de la ĉefkomitatano IFEF*

El diversaj landoj mankas ankoraŭ aliĝo de la komitatano (Bulgario, Danio, Finnlando, Rumanio). Ankaŭ ne alvenis informo pri anstataŭo de tiuj komitatanoj. Mi petas la landajn asociojn atenti tiun fakton kaj ĝustatempe komuniki kiuj personoj rajtas reprezenti la landon kaj voĉdoni dum la kunsidoj.

*

Dum la Maribor'a kongreso akceptiĝis kongrespropono laŭ kiu kolektiĝu gravaj datoj kaj eventoj de la IFEF-movado. Por la jubilea jaro la IFEF-estraro intencas prepari kelkajn tiukoncernajn listojn, kiuj eventuale estos publikigotaj en la kongreslibro de la 25-a. Bonvolu por tiu celo sendi informojn aŭ kunporti al Lugano por la ĉefkomitatano jenajn informojn:

La precizan fondodaton de via landa asocio.

Kiam aliĝis via landa asocio al IFEF?

Kiam okazis en via lando IFEF-kongreso? Bonvolu mencii jaron, daton, nombron da aliĝintoj, nombron da partoprenintoj.

Kian titolon havis la kongresa fakprelego?

*Kurt Greutert*

*

Tuj post la IFEF-kongreso, gravega KULTURA SEMAJNFINO ESPERANTISTA en RENENS apud LAUSANNE (Svisio): 13.—14.5.1972. En la programo prelegoj de Claude Piron pri *Mond-Organizaĵo pri Sano* kaj la *Ĉina Lingvo*, de Nicole Piron pri la *Unuiĝintaj Nacioj* kaj de Henri Vatré pri la *Esperanto-Literaturo dum la 50 pasintaj jaroj*. Forumoj. Varietea vespero. Ebleco tranokti malmultekoste. Petu la detalan programon al: Kultura Centro Esperantista, s-ro René Perrenoud, Jardillets 25, CH-2068 HAUTERIVE (Svisio).

# La epoko de vaporo nun finiĝis ĉe la Sovetaj Fervojoj



*Aŭtomata signalil- kaj brems-sistemoj ekzistas en ĉiuj trajnoj.*

La sekretario de la Soveta Fervojista Sindikato, Mikhail Skumbin rakontas pri tio.

La epoko de la malnovaj vaporlokomotivoj nun finiĝis.

El la 133 000 km. da fervojo en Sovet-Unio nun nur sensignifa parto estas trafikata de tiaj maŝinoj.

Tiurilate oni nature povas demandi kiel fariĝis la rilatoj por la lokomotivestroj, la hejtistoj kaj por cetera personaro ligita al vaportrakcio.

La teknika evoluo en la tereno de komunikoj ne alvenis neatendite, kaj dank'al tio, oni en sufiĉe bona tempo antaŭe povis sin prepari.

Sen troigi, oni povas diri ke ĉiuj loko-

motivestroj de la vaportrakciiloj, transiris al deĵoro en elektraj aŭ dizel-lokomotivoj, se ne sanstato kaj vivaĝo malhelpis tion.

Tiu relernado estis por la personaro tute senkosta.

La ŝtato kovris ĉiujn elspezojn al kursoj, kies daŭro estis de duona ĝis unu jaro.

Ĉar kelkaj lokomotivstacioj ne plu funkcias, kelkaj el la lokomotivpersonaro devis ŝanĝi laborejon kaj eĉ transloĝiĝi.

Tio tamen ne influis ilian ekonomian situon.

La salajro ne malkreskis ĉe la nova laborejo, oni havigis al la familioj modernajn loĝejojn.

Tiuj kiuj preferis loĝi en propraj domoj, povis pruntepreni monon por konstrui tiajn.

Tiujn lokomotivistoj kiuj pro diversaj kaŭzoj ne deziris transloĝiĝi de siaj hejmlokoj, havis plenan okazon sin rekvalifiki al alia laboro ĉe la fervojo.

Kie lokomotivstacioj antaŭe funkciis, nun estas fervojaj riparejoj, kie la vaporpersonaro dungiĝis post kiam ili trapasis kursojn por mekanikistoj.



*En parto de la linio Moskva—Leningrad lokomotivestro Bogdanov povas enkupli elektronikan ekipaĵon kiu aŭtomate regas la trajnon.*




*Lokomotivestro Sadyk Isin, reprezentanto al la plej alta Soveto, anoncas ke la trajno estas preta al starti.*

Dum la kurstempo — minimume tri monatoj, aŭ pli longa, la kursanoj ricevis sian antaŭan mezan pomonatan salajron.

En tiuj fervojaj riparejoj nun 87 % de la laboro estas mekanigita. Tio faciligis la laboron por la laboristoj, kaj kondukis al pli alta salajrnivelo.

La transiro al pli modernaj iloj kaj ekipaĵo ĉe la fervojo ne postlasis senlaborecon.

La nombro da dungitoj kreskis pro la plivastigo de la fervojreto. Dum la jaroj kiam okazis la teknika rekonstruado de la fervojo, la nombro de membroj de la sindikato samtempe kreskis, nun ĝi estas 3,5 milionoj.

La sindikato prizorgis — laŭ ĝiaj rajtoj — ke ne unu sola fervojisto maldungiĝis sekve de malfermo de lokomotivstacioj aŭ redukto de la lokomotivpersonaro.

Dum la fervojista sindikato emfazas la eblecojn al reedukado de la diversaj grupoj de laboristoj, ĝi ankaŭ multe faras por plibonigi la vivkondiĉojn de siaj membroj.

Dum la lastaj jaroj la fervojistoj ricevis novajn loĝejojn kun entute 11 milionojn da m² plankareo.

La fervojista sindikato havas sian propran sistemon por akcelado de la saneco de siaj membroj.

Ĝi konsistas el 850 hospitaloj, 1600 poliklinikoj, 1700 kuracistkontoroj por urĝhelpo, kaj 2 200 pli malgrandaj ejoj por urĝhelpo kaj helpo de akuŝistinoj.

28 000 kuracistoj estas dungitaj en la sanig-sistemon de la fervojistaro.

Dum la pasinta jaro, la sindikato havigis al 327 000 el siaj membroj restadon ĉe ferio-aŭ kuraclokoj je reduktitaj prezoj.

Fine oni povas mencii ke la soveta fervojistaro ne estas minacata de senlaboreco.

Ĉiujare estas konstruata centojn da kilometroj novaj fervojoj.

*

Teksto kaj bildkliŝoj el «Jernbanemanden» — organo de Norvega Fervojista Sindikato.
Tradukita el norvega de Per Johan Krogstie.

*

# Tipa ekzemplo por lingva diskriminacio

Ekstrakta traduko el la «Konvencio pri la reciproka uzado de la varvagonoj en la internacia trafiko (RIV)», valida de 1.1.1972.

*Statuto, artikolo 8*
*Lingvoj*

1. La statuto kaj la RIV-konvencio estas eldonitaj en franca, germana, itala kaj rusa lingvoj. Kaze de opinio-diferencoj en la kompreno sole la teksto de la tri unue menciitaj lingvoj devigas.
2 La adresaro estas eldonita en franca, germana kaj itala lingvoj.
3. La afergvidanta administracio korespondas por la RIV-federacio en franca kaj germana lingvoj.
4. La debatoj de la plenkunsido kaj komisiona kunsidoj okazas en franca, germana kaj itala lingvoj.
5. Se ne ekzistas specialaj interkonsentoj, por la skriba kaj teleskriba korespondado inter la administracioj estas uzenda la franca, germana aŭ itala lingvoj.
6. Proponoj por la plen- kaj komisiona kunsido estas skribendaj en franca, germana aŭ itala lingvoj.
7. La protokoloj pri la plen- kaj komisiona kunsidoj estas faritaj en franca kaj germana lingvoj.
8. La raportoj laŭ art. 6 cif. 5 (raportoj de la komisiono) estas skribitaj an franca, germana aŭ itala lingvoj.

*Rimarkigoj:* Oni priatentu la subtilajn diferencojn kaŭzitajn per la vortetoj «kaj» respektive «aŭ».

Nombro de la RIV-membroj entute 30, inter ili proks. 20, kies lingvoj *ne* apartenas al la supre menciitaj 3 «laborlingvoj».

*Jogi*

*



# Junulara angulo



LA 13-A FERVOJISTA SKISEMAJNO

Kiel anoncite okazis la 13-a Fervojista Skisemajno en Spitzingsee en Bavario dum la semajno 5.—12.2.1972.

La gepartoprenantoj, entute 71, alvenis el 8 landoj, nome de: Aŭstrio, Belgio, Francio, Germanio, Hispanio, Italio, Kameruno kaj Svedio.

La tutan tagon la skiantoj dividitaj en tri grupojn fare de la lerta skiinstruisto Frank Giessner, ekzercis sin por la skikonkurso, kiu okazis la 10-an de februaro.

Okazis ankaŭ lingva konkurso, kaj ankaŭ desegnaĵ-konkurso por la ĉeestantaj 6 geknaboj.

S.ro Andrè Charras gajnis la IFEF-premien, — s-ro Werner Heimlich gajnis pokalon donita de Johann Geroldinger.

La 9-jara Miriam Deydier gajnis ŝildon donita de «Dopolavoro Ferroviario» en Bologna, pro ŝia kuraĝo sur skioj, kaj ĉar ŝi bone parolas Esperanton.



*De la 13a Fervojista Skisemajno.*

Dum la vesperoj en sportdomo «Willi Merkl», estis diversaj amuzaj aranĝoj, menciinde estas karnavala festo, kaj dank' al agado de vigla franca grupo, oni vidis la skeĉon «Telekrokodilon».

Laŭ letero de korespondentoj, la aranĝo estis ege bonsukcesa, kaj ĝi tentis la gepartoprenintojn reveni al tiu ĉiujara aranĝo ankaŭ estonte.

*



# ADMINISTRAJ INFORMOJ

*Atentu!*

*Kunvetturu en la Ardenojn!*

Trilanda jarkunveno en la urbeto *Clervaux (Clerf)* en norda Luksemburgo 6.—9.10.1972 komune aranĝita de la belga, franca kaj germana landaj asocioj.

*Provizora programo*

6.10. gazetara kunveno malfermo de ekspozicio estrarkunvenoj.

7.10. antaŭtagmeze laborkunsidoj kaj ekskurso posttagmeze plenkunsido kultura vespero kun orkestro, ĥoro, solistoj, dancgrupo kaj dancado por ĉiuj.

8.10. Ekumena diservo kronhonorigo de la loka monumento akcepto flanke de la urbo, tuttaga ekskurso.

9.10. komuna vojaĝo al la urbo Luksemburgo kun ties vizito. Tie fino tagmeze.

Ni rekomendas jam nun rezervi la tagojn por tiu mini-kongreso, kiu okazos en belega pejzaĝo kaj kies celo estas, helpi al la ĵus fondita Luksemburga Esperanto-Asocio kaj prepari la terenon por fondota nova IFEF-landa asocio.

*

ESTRARKUNVENO

La unua estrarkunveno en 1972 okazis la 26./27.2. en Wörgl (Aŭstrio). Ĉefaj punktoj de la tagordo estas detaloj de la venonta kongreso en Lugano kaj la kongresproponoj, la budĝeto kaj minacantaj prezplialtigoj de la norvega presejo por «IF». Krome la sistemo de la adoptitoj, la statuto kaj diversaj problemoj por la jubilea kongreso de Aarhus en 1973. La sufiĉe longa tagordo komplete estis traktita kaj tiamaniere preparitaj la laborkunsidoj en Lugano.

*

*Adopto — praktika solidareco.*

Ni vere estas enviinda federacio, solidareco por nia anaro ne estas sensignifa vorto. Kiam 1969 la estraro alvokis vin, adopti anojn en nepagipovaj landoj alfluis fr. 642 kaj en 1970 pliaj fr. 294. Tio estas impona rezulto. Ni ne kaŝu, niaj svedaj kolegoj estis la ĉefaj merituloj, kiuj persone oferis kaj sukcesis ĉe sindikato, refoje gratulon.

Per la kolektitaj kotizoj ni pligrandigis la membraron en nepagipovaj landoj kaj sukcesis varbi novajn anojn en 5 landoj, kie IFEF ne jam estis reprezentita.

En sia lasta kunsido la estraro decidis, post interrompo de 2 jaroj, alvoki la membraron al adoptado de membroj en devizmalhelpataj landoj kaj de membroj en malbonaj ekonomiaj cirkonstancoj. Ni ege bonvenigas, se adoptanto mem anoncas adoptoton.

Adoptanta kotizo estas, kiel IFEF-kotizo, sv.fr 5,— por unu jaro. Ni volonte akceptas adoptadon por pluraj jaroj. Plej facile vi pagu la kontribuon kun indiko «IFEF-adapta kaso» al la kasisto de via landa asocio. Krome vi povas pagi al la IFEF-kasisto, en la kongresoj, per poŝto aŭ per banko.

Per adoptado vi faras per malalta sumo bonan servon al nia federacio kaj pruvas la grandan solidarecon inter ni IFEF-anoj.

*Wa*

*

Adresŝanĝo: S.ro Johano Poptie havas novan adreson, nome Utrecht 2502 Duifstraat 55, Poŝtbus 2135.

*

## Nekrologoj

Post nur mallonga malsano forlasis nin nia germana amiko

**WILHELM SCHUBERT.**

Li naskiĝis la 12.3.1899 kaj mortis la 20.1.1972 en Köln. En 1910 li esperantiĝis kaj estis membro de UEA, GEA, IFEF kaj kunfondinto de GEFA. Tiu simpatia, bonkora kaj grandanima homo ĉiam estis helppreta kaj bonhumora. Kiel «sinjoro cigaro» li estis konata figuro en niaj kongresoj. Ni ege bedaŭras, ke li neniam plu estas inter ni, sed ni konservos pri li bonan memoron.

*

La unuan de februaro mortis en Amsterdam nia ano

**TH. BOSGRAAF**

en aĝo de 68 jaroj.

Dum multaj jaroj li estis aktiva en la Esperanto-movado kaj li estis ano de

FERN ek de la fondiĝo en la jaro 1946. Li vizitis kelkajn IFEF-kongresojn. La lastaj jaroj ne permesis al lia sanstato multe da aktiveco. FERN perdis fidelan amikon. Al la familianoj ni direktas nian sinceran kondolencon.

*

Post mallonga malsaneco mortis 24.2. 1972 en Assen, Nederlando pensiumita staciestro

**A. C. BOELMANS**

en aĝo de 71 jaroj.

Ek de jaro 1952 li estis fidela membro de FERN, kaj kun la edzino li vizitis multajn internaciajn kongresojn.

*

*Ili ripozu en paco! Al la familianoj ni sincere kondolencas.*

*

# Jarraporto de la sekretariejo pri 1971

*Antaŭrimarkigo*

Ankaŭ ĉi-jare ni klopodos apliki similan skemon kiel en pasintaj raportoj, por ke la legantoj pli ekzakte povu kompari la indikojn el la unuopaj jaroj. Ni nur iom ŝanĝis la laŭvicon de la pozicioj. Multon vi trovos detale en la numeroj de IF el 1971.

*Niaj mortintoj*

La federacio perdis jenajn membrojn:

Aŭstrio: Alois Hilkersberger, Helene Marek.

Bulgario: Aleksandro Filipov Penkov, Kiril Ivanov.

Germanio: Josef Waldmann, Hermann Fischer, Rudolf Hönemann.

Italio: Cesare Ceroni Bassani, Ascenzio Blasimme, Carlo Magoga, Dr. Inĝ. Giorgio Orsi.

Norvegio: Hans M. Berglie, Ragnvald Horrisland, Øyvind Lund.

Ili ripozu en paco!

*Membrostato*

En nia lastjara alineo pri membrostato ni avertis pri la nekontentiga stato en diversaj landoj. Kaj bedaŭrinde tiu averto korespondis al la vero.

La nombro de niaj membroj malkreskis de 3050 fine de 1970 al 2836 fine de 1971, tio estas minus 214. Sep landoj kontribuis al tiu falo ,inter ili ĉefe du, nome Bulgario (109) kaj Jugoslavio (40). Koncerne ilin tio ĉefe dependas de devizaj malfacilaĵoj, kvankam precipe domaĝe tio estas en Jugoslavio, kie oni ĝuste en la jaro de bonsukcesinta kongreso ne estus atendinta tian financan regreson. Oni do esperu, ke la cirkonstancoj baldaŭ permesos replialtigon de la kotizado.

Verajn zorgojn kaŭzas la evoluo en la aliaj kvin landoj, precipe en niaj plej aĝaj asocioj Danio kaj Nederlando, same kiel en Finnlando. Vere ni esperu, ke la televido-kurso en la nederlanda radio kaj la 25-a kongreso en Danio helpos por denove kreskigi la membronombron. Zorgojn ankaŭ kaŭzas la metodo de kelkaj landaj asocioj, simple redukti la nombron de kotizoj por tiel egaligi la kotizaltigon de Rimini. La ĉefa celo de tiu altigo estis, dum la sekvontaj jaroj kapabligi la federacion, kolekti provizon ĝis minimume kotizenspezoj de unu jaro. Kvankam tio en 1971 ekfunkciis, ne laste pro granda ĝenerala ŝparemo, la praktika maniero fine povus endanĝerigi

niajn klopodojn. La aspekto do ne estas tre esperiga, ĉar krom eta membrogajno en du landoj ĉie montriĝas stagnado.

La sistemo de la adoptantoj komprenelble ankoraŭ ekzistas, kvankam dum la raportjaro ĝi ne estis aparte akcentita. Restis ankoraŭ sumo, el kiu la kasisto povis ebligi la membrigon al konsiderinda nombro de kolegoj en nepagipovaj landoj. Ankaŭ ĉi-loke sinceran dankon al la adoptintoj.

*Honorigoj*

Al la Honora Patrona Komitato, starigita kun tri membroj en la kongreso de Rimini 1970, en Maribor estas alelektita kvara ano, nome la unua anstataŭanto de la hungara ministro por poŝto kaj trafiko kaj oficanta ĝeneralprezidanto de UIC, inĝ. Káaroly Rödönyi.

Plue la oficiala reprezentanto de la FISAIC, s-ro Gilles (Belgio), honoris la tri IFEF-membrojn A. Blondeaux (Francio), G. Ritterspach (Germanio) kaj J. Zupanic (Jugoslavio) pro iliaj meritoj por la terminara laboro per arĝentaj medaloj de la FISAIC.

Krome la hungaraj kolegoj d-ro I. Petheŝ kaj P. Kristek estas honoritaj per altaj hungaraj ordenoj.

*Interna laboro*

La intensa, ĉiam amika kunlaborado en la estraro daŭris seninterrompe, kaj skribe kaj buŝe. Krom la laborkunvenoj en la kongreso de Maribor okazis tri pluraj kunvenoj, en marto en Salzburg, en aprilo en München kaj en novembro en Basel. La ĉefkomitatano grandparte ĉeestis kiel gasto en tiuj kunsidoj kaj grave kontribuis al la bonaj rezultoj kaj harmonia kunlaboro inter estraro kaj komitato.

Ekster la kongresoj la ĉefkomitatano forsendis 3 cirkulerojn al komitato kaj estraro, krome la kutiman demandilon, surbaze de kiu estos starigitaj la landaj jarraportoj.

La estraro klopodis laŭeble sendi siajn membrojn al jarkunvenoj de landaj asocioj. Jenaj vizitoj okazis: Prezidanto en Hungario (Budapest), Nederlando (Utrecht) kaj Germanio (Lübeck), Sekretariino en Aŭstrio (Linz), Francio (Lyon), Belgio (Godinne) kaj Germanio (Lübeck), Kasisto en Germanio (Lübeck), Francio (Lyon), kaj Ĉehoslovakio (Ĉeska Trebova), krome en Hispanio, Redaktoro en Germanio (Lübeck).

Salutoj estas senditaj al aranĝoj antaŭe konataj al la sekretariejo.

*Eksteraj rilatoj*

Dum la raporttempo ne estis eblecoj kiel en 1970, reprezenti la federacion en multaj manifestacioj de aliaj organizaĵoj. En la Universala Kongreso de Londono d-ro Bácskai (Hungario) reprezentis la federacion kaj gvidis kontaktkunvenon. Partoprenis 25 kolegoj el 9 landoj. La britaj kolegoj okazigis fakprelegon pri trafikaj problemoj de la britaj fervojoj.

La prezidanto estis invitita preligi en la 50-a jubileo de la Esperantosocieto Aŭgsburg (Germanio) antaŭ urbaj kaj landaj eminentuloj en germana lingvo. Kolego Gimelli (Italio) reprezentis la estraron en la 3-a kongereso de la «Federacio de Amikaroj de Staciestroj» en Bardonecchia.

Komitatanoj por UEA: En Maribor estis renovigita la mandato de d-ro Bácskai kiel komitatano A. Por la elekto de komitatanoj B du kolegoj estis proponitaj laŭ la statuto de UEA. Elektita estas kolego Greutert.

Post speciala alvoko flanke de la ĉefkomitatano direktita al certaj personoj, la nombro de fakdelegitoj «fervojo» ĉe

UEA ĝojige kreskis je 21 al proksimume 100.

*23-a kongreso*

Ĝi okazis en la semajno 15. ĝis 21.5. 1971 en Maribor (Jugoslavio). La jugoslavaj kolegoj faris ĉion por agrabligi la kongrestagojn al la partoprenantoj kaj starigis allogan programon, kiu ĉi-foje ne nur ne estis ĝenita per eksteraj influoj, sed estis favorigita de belega vetero. Aparte menciataj estu jenaj punktoj:

— la solena inaŭguro, kiu donis bonegan impreson al multaj eminentuloj de la fervojo kaj ŝtato. Rezulto i.a. estis ampleksa ilustrita artikolo en la oficiala revuo de la fervojistoj eldonita en Beogrado,
— la ĝentila gesto de la Jugoslaviaj Ŝtataj Fervojoj, kiuj validigis la kongreskarton kiel liberbileton por la tuta reto en la unua klaso,
— la medaligo de tri meritplenaj membroj per arĝentaj medaloj de FISAIC,
— la reelekto de la ĉefkomitatano,
— la afabla kaj amikeca akcepto flanke de la urbo sur monto Pohorje,
— la tre kontentige vizititaj laborkunsidoj spite al la brila vetero,
— la instrua fakprelego kun la posta vigla diskutado pri ĝi same kiel la senĝena diskutado pri la memadministra sistemo,
— la aperigo de terminareto Serbokroata-Esperanto kaj Esperanto-Serbokroata kun ĉirkaŭ 3000 terminoj, nova grava rezulto por la faka laboro en la federacio,
— la vervaj aranĝoj kaj metodoj de la junularo sub gvidado de la juna amiko Zadravec,
— la neforgeseblaj artaj prezentaĵoj, teatra vespero kaj bonege organizita balo, same la vere belaj ekskursoj.

La laboro de la statutkomisiono tiel progresis, ke kompleta malneto estis prezentita en la kongreso. Malgraŭ speciala kvarhora kunsido nur eblis, diskuti la duonon. Post novaj ŝanĝoj estas antaŭvidite pridiskuti la reston en Lugano.

Kongresloko por 1973 estos Aarhus en Danio.

*Informado*

Kiel eble plej sisteme kaj vaste estas uzataj ĉiuj eblecoj informi la neesperantistan publikon. Tio okazas per la kongresaj informservoj kaj landaj jarkunvenoj kaj eĉ helpe de pli-malpli regionaj kunvenoj de viglaj rondoj. En diversaj landoj ĉi-rilate la faka, sindikata kaj ankaŭ publika gazetaroj estas saĝe eluzita.

Sub tiu punkto ni ankaŭ menciu, ke la urbo Lugano eldonis kvarpaĝan prospekton kun mapo kaj la Ĝenerala Direkcio de la Italaj Ŝtataj Fervojoj eldonis informan faldfolion. Nova varbilo pri la fervoja muzeo aperis en Norvegio. En Nederlando aperis okaze de 25-jara jubileo «La Historio de FERN». En hungara televido okazis informo pri vintra Esperanto Ferio, same ankaŭ en la radio.

*Junularo*

La impreso pri la junularaj aranĝoj en la kongreso de Maribor estis pli esperiga ol kutime. Sed tio konsiderinde dependis de la lerta subtenado flanke de jugoslaviaj junaj esperantistoj. Sed ĝenerale la bildo ankoraŭ ne favoriĝis. Neniu tion pli bedaŭras ol la estraro, kiu plej volonte vidus konstrue kunlaborantan junularon. Kompreneble ekzistas esceptoj, kiel ekzemple la internaciaj skisemajnoj (en 1971 en Chatel), kie precipe francaj gejunuloj zorgis por bona etoso.

*Diversaĵoj*

La plej aĝa el niaj landaj asocioj, nome

la nederlanda FERN, festis sian 25-an jubileon en aŭgusto 1971. Je tiu okazo ĝi eldonis terminareton Nederlanda-Esperanto kaj Esperanto-Nederlanda. Tiel en unu jaro du novaj terminaretoj aperis (vidu supre Jugoslavio), granda progreso en la faka laboro.

*Korespondaĵoj*

En 1971 estas prilaboritaj 369 alvenintaj kaj 365 forsenditaj korespondaĵoj.

Aldoniĝas multnombraj leteroj de la aliaj estraranoj.

Frankfurt (M), la 20-an de februaro 1972.

*Sekretariino E. Kruse.*

# Jarraporto de la redaktoro pri 1971

Laŭkutime Internacia Fervojisto ankaŭ en 1971 aperis kun 6 numeroj, entute kun 100 paĝoj.

Ilustraĵoj (t.e. fotoj, desegnaĵoj, mapoj kaj insignoj) troviĝis en nombro da 48.

Ĉar la ĉefa celo de la IFEF-organo estas funkcii kiel ligilo inter estraro kaj membraro, la grandparto de la enhavo estas de organiza karaktero, kaj ĝi eldoniĝas laŭ certa instrukcio.

En la 2 unuaj numeroj estas informoj pri la venonta IFEF-kongreso, dum en la numeroj 3 kaj 4 estas referato pri ĝi, kaj en la numeroj 5 kaj 6 komencas aperi informoj pri la venontjara kongreso.

Cetere la revuo enhavas diversajn administrajn informojn kaj junularan angulon.

Kelfoje estas fervojnovaĵoj kaj ankaŭ artikoletoj pri muzeaj fervojoj, kaj artikoloj pri fervojaj temoj de diversaj landoj.

Cetere oni provas porti novaĵojn el la fervojista mondo, recenzoj kaj fine anoncoj kaj mallongaj informoj.

Estas vere domaĝe ke oni nur tre malofte havas sufiĉe da spaco por bonaj instruaj artikoloj kaj amuzaj noveloj de fervoja aŭ fervojista medio.

Pro ekonomiaj kaŭzoj oni ne povas produkti pli ol certan nombron da kliŝoj je kosto de IFEF, sed se tiuj kiuj alsendas kontribuaĵon al la revuo kunsendas pretajn, malgrandformatajn kliŝojn, tio estas bona helpo por plibeligi la aspekton de la revuo.

Estas ankaŭ tre grave ke la kontribuantoj tajpu la manuskriptojn en konciza kaj korekta lingvoformo.

Estas dirite pri gazetaro ĝenerale, ke ĝi estas la *sekundmontrilo de la historio,* — tio kompreneble estas la ĉiutaga gazetaro, kaj kompare al ĝi, nia revueto tute ne povas mezuri sin.

Kun siaj 6 maldikaj numeroj pojare, ĝi verŝajne povas nomiĝi *hormontrilo.* Ni forte esperu ke nia movado tiom fortiĝu, ke nia IF povos aperi kun almenaŭ 12 numeroj pojare, kun la duobla paĝnombro de la nuna.

Eble ke tiam nia revuo meritos la nomon *minutmontrilo de la historio.* Ni ĉiuj celkonscie laboru por atingi tiun celon.

Løten, Norvegio 21.2.1972

*Per Johan Krogstie*

Redaktoro.



# FERVOJNOVAĴOJ

Danio:



Ĉar la ĵus mortinta dana reĝo Frederik la 9-a tre ŝatis trajnojn (kaj speciale la iamajn vaportrajnojn), li mem en sia testamento decidis, ke la entombiga trajno de Kopenhago ĝis Roskilde, kie fakte ĉiuj danaj reĝoj kaj reĝinoj estas entombigitaj, estu tirata de vaporlokomotivo, same kiel li decidis, ke fervoja personaro havu la eblecon porti sian ĉerkon.

Ambaŭ deziroj estis plenumitaj.

La tago por la entombiĝo, la 24.1.72, 8 fervojistoj el 8 diversaj fervojaj metrioj portis la ĉerkon de la stacidomo en la trajnon en Kopenhago kaj portis ĝin en Roskilde el la trajnon. Por esti tutcerte DSB deĵorigis du vaporlokomotivojn, kiuj ambaŭ tiris al trajnon.

*Kg*




Bildkliŝo: Norsk Jernbaneforbund, Oslo.

EURAILPASS

estas tipo da fervojbileto vendota en Ameriko, Aŭstralio, Suda Afriko kaj en multaj landoj en Azio al personoj kiuj loĝas en la menciitaj kontinentoj. Ĝi validas por nelimigita nombro da vojaĝoj en unua- kaj dua-klasaj trajnoj en 13 landoj en Okcidenta Eŭropo.

La biletoj estas emisiitaj kun valideco de alternative 21 tagoj, 1, 2 aŭ 3 monatoj, kaj la prezoj estas respektive 125, 160, 210 kaj 250 usonaj dolaroj. Troviĝas ankaŭ simila bileto nur por studantoj, nome la tielnomata «STUDENT RAILPASS», ĝi validas en du monatoj kaj nur por 2-a-klasaj vagonoj. La prezo estas 130 usonaj dolaroj.

Ambaŭ tipoj da biletoj estas tre popularaj kaj la nombro da vendataj biletoj konstante kreskas.

*



# EL LA FERVOJISTA MONDO

## JARKUNVENOJ SINSEKVE — PLEZURA VOJAĜO POR ESTRARANO

Estis aparta bonŝanco por nov-pensiita estrarano, ne sole revidi tradiciajn kongresgastojn, sed foje sperti gvidantojn en siaj hejmaj medioj. Post vizito de la franca jarkunveno en Lyon kaj tutsemajna kunestado kun la hispanaj diligentuloj, dum decembro sekvis vizito al Ĉeĥoslovakio. Hazarde dum tiu semajno okazis la jarkunveno de niaj gekolegoj en Praha. Rondo de 45 gekolegoj aŭdis la raportojn, konvinkiĝis pri bona kunlaboro kun Ĉeĥa Esperanto Asocio kaj montris grandan emon al IFEF-kongreso 1974 en Praha. Ĝoje ni konstatis la reelekton de kol. Piŝtora kiel prezidanto kaj de agema estraro. La posttagmezon ni pasigis en unika Hradschin, kie kun lerto kaj sperto s-ino D. Vybikalova klarigis al ni la multajn juvelojn de tiu kastelo.

Granda plezuro fariĝis vizito en Hungario. Bonega akcepto jam ĉelima kaj same en Budapest. Jam prezentiĝis ebleco aŭdi kaj legi pri farto kaj zorgo de nia asocio en la Donau-urbo. Alitage al Debrecen, amika akcepto kaj gvidado tra la interesa urbo, eĉ bano en termala banejo ne mankis. Manpremado ĉe vespera alveno de multaj konatuloj kaj pilgrimado al «lernejo por paco kaj interkompreniĝo», kies rektoro plezure raportis pri bonega subteno de lernejaj celoj flanke de esperantistoj kaj promesis, de iutage ili enkondukos instruadon en la int. lingvo. Komuna vespermanĝo kaj ĉeesto al prezentado de filmoj pri florkorto de Debrecen, de belega urbo en floraro kaj de fervoja filmo. Imitinda asocio, la hungara, programfino frua kaj ek al dormado por alitage esti laborkapabla! Dimanĉe en bela klubejo de loka grupo la jarkunveno, kun proks. 48 ĉeestantoj, malfeliĉe ankaŭ tie manko de junularo. Bonvenigo de prez. d-ro I. Bacskai kaj jarraporto enhavoriĉa laŭtlegita de sekr. Szegedy. D-ro Mateffy, prezidanto de Hungara Esperanto Asocio trafe komentis ĝin instigis, laŭdis kaj konfirmis bonegan kunlaboron. Salutvortoj de la gastoj el Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Jugoslavio, Polio kaj la IFEF--kasisto. Ĉarma interludo de geknaboj, deklamintaj bonvenon kaj disdonintaj florojn al prezidantaro kaj gastoj. Por ni gastoj aŭtobusa rondveturado kun bonegaj klarigoj kaj fine komuna tagmanĝo kun frutempa reveturado al Budapest. Jam estante en Budapest indas restadi pliajn tagojn, dum kiuj aranĝiĝis vizito al la dojeno de la esp. literaturo, d-ro K. Kalocsay kaj kromaj interesaĵoj. Bonŝance dum la hejmenveturado eblis ankaŭ vizito al la aŭstra ĉefgrupo Vieno kaj tagon poste ĉeesto al rekorde vizitata klubkunveno en Linz.

Lasta ĉenero, tamen ne brilpunkto, la svisa jarkunveno en Olten. Ne laŭdi ĝin ĉar estas la propra, nur mencii, ke la lumo en ĝi estis la fakto, ke ĉi-jare la IFEF-kongreso okazos en nia lando, en Lugano.

*OW*

*

La 23an de aprilo 72 estos gastoj en nia GEFA-Esperanto-Grupo en Hagen la Ambasadoro de Aŭstralio, s-ro Ralph Harry (kiu estas tre aktiva Esperantisto) kaj lia edzino.

Je la 14.30 h la urba magistrato solene akceptos ilin. Li estas petita, enskribi en la «Ora Libro» de la urbo Hagen.

Je la 15.30 h okazos esperanta aranĝo

en la Aŭlo de la «Komerca-Lernejo». La Ambasadoro montros i. a. sonfilmon pri Aŭstralio kun esperanta komentario, prelegos kaj rakontos pri siaj spertoj en «*Esperantujo*».

La IFEF-anoj estas petitaj: Bonvolu sendi al nia aranĝo salutojn (per bildkartoj) al Peter *Hermanns*, Nöhstr. 35, *D - 5800 - Hagen - Vorhalle, Germanio.*

*

MENCIINDA JUBILEO

Kiam persono aŭ societo naskiĝas, ili povas festi jubileon plej frue post unu jaro. Ne kutimo vi diras? Nu, imagu edziĝfeston de juna (maljuna) paro. Kiom gravas la unua jubileo! Multe pli ol la oka aŭ la dektria (preskaŭ forgesita, minimume de la edzo). Ĉu do ne decas jam nun antaŭmemorigi pri la alproksimiĝanta gravega jubileo de same gravega internacia asocio, kiu en la tagoj de Lugano atingos la finon de sia glora kvina vivjaro?

Jen oviciala alvoko de la afergvidanto al ĉiuj membroj aspiranoj kaj aspirinoj de «La Internacia Freneza Kluba Asocio Uffenheima» (LIFKAŬ), ke ili surbaze de neekzistanta statuto amase frekventu la plenkunsidon, por ke ĝi helpe de celtrafa frenezado estu decidrajta kaj kapablu solvi la jubileajn problemojn en bona ordo. Dato: programlibera vespero en Lugano. Loko sciigota samloke.

## Anoncoj

Al mia privata internacia fervojmuzeo mi deziras jenajn objektojn el ĉiuj opaj eŭropaj landoj:

Signalkodo kaj deĵorinstrukcioj — kiel eble plej multaj diversaj bilet-tipoj, ankaŭ biletspecimenaroj, konduktoraj bilet-truiloj, frajtleteroj kaj afrankaĵmarkoj (glumarkoj, poŝtmarkformataj) — uniformbutonoj, trajneksp. kaskedoj, galonoj kaj grad-distingiloj.

Mi estas tre dankema ricevi kiel eble plej multe dum la 24-a IFEF-kongreso en Lugano.

Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegio.

*

Allan E. Fineberg, 76 Seventeenth Avenue Paterson, New Jersey 07513 Usono; deziras korespondi nur per sonbendoj ĉu bobenaj aŭ kasetaj, kun esperantistoj ĉie. Li estas 30-jaraĝa ŝtatlaboristo kies interesoj estas multnombraj.

*

En la daŭro 2.—9.7.1972, okazos *Semajno de la fervojistoj* organizota de Franca Fervojista Esperanto Asocio en la kulturdomo «Kastelo Gresillon, 49 Bauge, Francio.

La programo estas multvaria, kaj la situo de la kulturdomo de la francaj esperantistoj estas idilia.

Por detaloj oni turnu sin al: S.ro Villeneuve, 29 route de Marrgency F-95 Eaubonne, Francio.

*

*Hungario invitas Vin!*

Ĉar la Universala Kongreso de Esperanto ĉi jare okazos en Portland, Oregon, en Usono, kien multaj geesperantistoj ne povos veturi, UEA decidis, ke ebligas la renkonton de esperantistoj en Hungario. La aranĝaĵoj okazos en tri diversaj partoj de la lando. Ĉiuj tri estas memstaraj aranĝoj, do oni devas sin anonci aparte.

En *Gyula*, de 9.—15. julio okazos — jam la dekan fojon — la internacie konata *Somera Esperanto Universitato.*

Detalaj informoj kaj aliĝiloj riceveblaj ĉe: Somera Esperanto Universitato — TIT — *Gyula* 481as utca 11. Hungario.

En *Budapeŝto*, de 17 ĝis 23. julio 1972 okazos la *Hungara Kultur-Festivalo.* Detalan programon kaj aliĝilon petu de:

Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 5. Pf. 193. Hungario.

En *Abaliget,* de 24. julio ĝis 2. aŭgusto okazos 5-a *Internacia Renkontiĝo de Esperantistaj Naturamikoj.* Aliĝilojn kaj informojn donas: HEA 3-a Teritoria Komitato. Pécs 1. Poŝtfako 2. Hungario.

*




La 45-a Kongreso de SAT (sennacieca Asocio Tutmonda) okazos de la 22.—29.7. 1972 en Kuopio (Finnlando). Informojn petu al: «Lingvoponto», Pf 119, 701101 Kupio 19, Finnlando.

*

La internaciaj feriaj Esperantokursoj okazos en la internacia Altlernejo de Helsingør (tute moderna) dum la semajno *23—30 de julio* (tuj antaŭ Frostavallen). Venu por ĝui vere interesan ferio-semajnon inter samideanoj el multaj landoj!

Prospekto senpage havebla ĉe

L. Friis,
Ingemannsvej 9,
DK-8230 Åbyhøj, Danio.

*



Bildkliŝo: Heroldo.

FROSTAVALLEN

Frostavallen estas tre ĉarma loko en Svedio (en la plej suda provinco Skanio), kie plurfoje okazis la konataj prelegsemajnoj laŭ nomo Sveda Somera Semajno. Tia semajno (aranĝos Sveda Esperanto Instituto) ĉijare okazos sub la aŭspicioj de UEA 30. julio—6. aŭgusto 1972 (do tuj post la kursoj en la apuda Helsingør). Prelegos D.roj I. Lapenna, Londono, W. Bormann, Hamburgo, J. C. Wells, Londono, kaj s-ro J. Thierry, Parizo, pri la ĉefa temo «La problemo de Lingva Komunikado en la Moderna Mondo — kun speciala atento la la situacio en Eŭropo». Krome diskutoj pri la laborprogramo de UEA. Petu rapide informojn kaj aliĝilojn de s-ro Jan Strønne, Amiralsgatan 36, *S-211 55 Malmö, Svedio.* Ni forte rekomendas fruan aliĝon por ke vi estu certa pri loko en la hotelo.

*

La redaktfino por la venonta IF estas 5.6.1972.

Presita de presejo A. Sæther A.s
N-2300 Hamar, Norvegio